23ª Jaro - Nº 4 (242) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Aprilo 1937ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

Antaŭ nia Jarfesto

## Ĉiuj al Antverpeno !

Mi povus atendi, ĉu ne, kara Leganto, ĝis proksima monato por fari al vi la ĉiujaran predikon, pri la nepra neceseco, ke ĉiu ĉeestu, se iom eble, nian jarfeston.

Sed, mi pensas, ke prokrastante ĝin, ĝi riskus alveni tro malfrue, por ke ĝi ankoraŭ povu decidigi tiujn, kiuj ne jam prenis decidon.

La Kongreso estas LA okazo dum la jaro, en kiu ĉiuj, kiuj en la lando propagandas por nia kara afero, trovas okazon por, dum du tri tagoj renkonti unu la alian, en atmosfero, kiun la Lokaj Kongresaj Komitatoj klopodas, ĉiujare, igi kiel eble plej agrabla.

Niaj Kongresoj efektive estas ja laboraj, sed ne nur laboraj.

Ni devas trovi en ili la okazon por diskuti eventuale la punktojn, kiujn individue ĉiu el ni pripensis. Sed ili devas ankaŭ esti la okazo, por montri al ĉiuj, eksterstarantoj kiel Esperantistoj mem, ke nia lingvo ne estas nur ilo per kiu ni povas komprenigi nin, kiam temas pri pli malpli sekaj diskutoj pri propagando, pri antaŭenigo de nia lingvo en la mondon, sed ke ĝi ankaŭ permesas, facile permesas, ne al unu aŭ kelkaj, sed al ĉiuj ni, kore, amike babili pri kiu ajn temo ; ke ĝi estas valora helpilo dum vojaĝo, ĉar ĝi permesas ne nur aŭdi klarigojn en Esperanto, sed senti ĉie, kie ni estas, voĉojn, kiuj ne nur parolas lingvon, kiun ni konas, sed lingvon, kiu iras al nia koro, ĉar ĉie, kien ni iras, ni estas certaj renkonti amikajn vizaĝojn.

Tiun ĉi fojon, Karaj Gelegantoj, estas la amikoj el Antverpeno kiuj preparas por ni tritagan kunestadon.

La provizoran programon vi jam konas de antaŭ diversaj monatoj. La preskaŭ definitivan programon, vi trovos en la sekvantaj paĝoj.

Kaj ni estas certaj, ke se vi mallonge tralegas tiun programon, kaj se vi klopodas vivigi ĝin antaŭ viaj okuloj, vi vidas jam la kadron, en kiu tiu programo disvolviĝos.

Ĉar tio estas unu el la allogaĵoj de niaj naciaj festoj. Jam antaŭ ol iri ien ajn, ni konas la vizaĝojn, kiuj nin akceptos ; ni jam povas antaŭvidi la atmosferon en kiu ĉio estis preparita je nia honoro.

Tiun ĉi fojon, la subskribinto, pli bone eĉ ol antaŭ aliaj Kongresoj, konas tiun atmosferon, ĉar li mem estas unu el tiuj, kiuj helpas al la organizado.

Sed kun des pli granda konvinko, li do povas diri al vi :

Dum la Kongreso de Antverpeno, ero de la programo povas, kiel kie ajn, malsukcesi. Ĉiu, ekzemple, scias, ke la vetero ludas gravan rolon en tiu sukceso, kaj nek la subskribinto, nek liaj Antverpenaj amikoj havas tiurilate kiun ajn influon.

Sed kion li tamen povas diri estas, ke ĉiuj Antverpenanoj, membroj de la Reĝa Grupo « La Verda Stelo », de monatoj jam laboras, por ke ĉio estu plena sukceso.

Ni jam alkutimiĝis, en la lastaj jaroj, al vere bonege sukcesintaj jarfestoj. Nu, la Antverpenanoj havas la firman nepran volon, ke la Kongreso organizita de ili, trovu honoran lokon en la vico.

Sed, Karaj Legantoj, la plej vigla L.K.K. nenion kapablas certigi, se vi mem ne helpas ĝin.

Multaj jam aliĝis kaj frue, tre frue, — antaŭ eĉ ol ili povis esti tute certaj pri la ebleco mem ĉeesti —, sendis sian kotizon. Bela pruvo de solidareco kaj fido.

Nun venas la momento, decidi ĉu ĉiuj tiuj enskribitaj kongresanoj estos vere efektivaj membroj de la Kongreso.

Ni ne dubas ke, krom esceptoj, kiuj ne estas eviteblaj, la granda plimulto jam, intime, decidis.

Sed, eĉ se ĉiuj enskribitoj venus al Antverpeno, la nombro de la Kongresanoj estas ankoraŭ multe tro malalta.

Antverpeno estas urbo, facile alirebla, kiu, kvankam multaj ĝin jam konas, aŭ almenaŭ jam iam vizitis, prezentas ankoraŭ multajn neviditajn aŭ nevizititajn allogaĵojn. La programo pri la lunda ekskurso, per si mem, jam sufiĉas kiel allogilo. Ĝi efektive permesos viziti la du tunelojn sub la Skeldo, fari belegan ekskurson al la malnova flandra urbeto Liero, al la beleta Bouwel, meze de la arbaroj, kaj poste fari agrablan vojaĝon duhoran per ŝipo, sur la Albert-kanalo, la granda verko, kiun malmultaj nur, ĝis nun, vizitis.

Sed ĉu ni plilongigos tiun ĉi predikon ? Ĉu ne sufiĉas ke ni, per ĝi, atentigis vin, pri la urĝeco de decido, pri la urĝeco de aliĝo kaj mendo ?

Maur. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## Ordinara ĝenerala Jarkunveno

Ni havas la honoron inviti vin ĉeesti la **ordinaran ĝeneralan jarkunsidon** de nia societo, kiu okazos dimanĉon, la 25an de Aprilo 1937, je la 11a horo akurate, en salono de « Hotelo Albert Ier », placo Rogier, en Bruselo (eniro : 73, strato S-ta Lazaro, angulo de strato Gineste).

**Tagordo :**

1. Raporto de la administrantaro.
2. Elekto de du provizoraj komisaroj por kontroli la kalkulojn 1936.
3. Aprobo de la kalkuloj 1936.
4. Fiksado de la nombro de administrantaro.
5. Elekto de la administrantaro.
6. Fiksado de nombro de komisaroj.
7. Elekto de la komisaroj.
8. Fiksado de la kotizo
9. Diversaĵoj.

La ĝen. sekretario M. Jaumotte — La Prezidanto D-ro P. Kempeneers

**Rimarkoj.** — Laŭ art. 7 de la statuto ĉiu membro rajtas anstataŭigi sin de alia membro; li devas tion sciigi per de li subskribita letero, alveninta en la sidejo Esperanto-Domo, 21, Willemsstrato en Antverpeno, **du tagojn antaŭ la kunveno.**

**Posttagmeze okazos ceremonio sur la tombo de D-ro W. Vanderbiest.**

—

## Grava atentigo al la aliĝintaj grupoj

Laŭ artikolo 8 de la statuto, la ĝenerala kunsido nomas la administrantojn, per plimulto de du trionoj de la ĉeestantoj aŭ reprezentitaj membroj. La administrantaro estas nomata laŭ proponlisto starigita konforme al la regularo de Interna Aranĝo.

La nomoj de la proponitaj membroj devas esti sendataj de la grupestraroj al la Prezidanto (D-ro P. Kempeneers, 19, avenuo Montjoie, Uccle 3, Ukkel 3) almenaŭ **20 tagojn** antaŭ la ĝenerala jarkunsido.

Almenaŭ du trionoj de la administrantoj devas esti Belgoj per naskiĝo aŭ plena regnaniĝo. Ĉiuj devas esti membroj de la Asocio de almenaŭ unu jaro.

Por la starigo de la proponlisto la Administrantaro starigis, laŭ art. 10, regularon de Interna Aranĝo, laŭ teksto preparita kaj voĉdonita de la komitato de Belga Ligo Esperantista :

« A. La aliĝintaj grupoj kun 20 ĝis 50 regulaj membroj proponas unu administranton kaj plian por ĉiu komencita kvindeko, laŭ ciferoj je la 31a de Decembro de la pasinta jaro.

» B. La aliĝintaj grupoj kun malpli ol 20 membroj kaj la izolaj membroj en lokoj aŭ aglomeracioj, kie ne ekzistas grupo, rajtas proponi kune po unu administranton por ĉiu kvindeko aŭ komencita kvindeko da membroj.

» C. La administrantoj elektitaj sub A kaj B rajtas proponi al la ĝenerala kunsido de la sekvanta jaro liston de kandidatoj kooptaj ĝis unu triono de sia nombro. »

A. La aliĝintaj grupoj kiuj aligis almenaŭ 20 membrojn por la jaro 1936 bonvolu do proponi kandidatojn laŭ ĉi posta tabelo:

de 20 ĝis 50 membroj : unu kandidato;
de 51 ĝis 100 : 2 kandidatoj;
de 101 ĝis 150 : 3 kandidatoj, ktp.

B. La grupoj kun malpli ol 20 membroj kaj la izoluloj ankaŭ bonvolu prezenti kandidatojn por tiu kategorio.

**LA ADMINISTRANTARO.**

## XXVIa Belga Esperanto-Kongreso, Antverpeno 15-16-17 Majo 1937

### PROGRAMO

**Sabate.**

14.00 h. Malfermo de la akceptejo en Witte Leeuw, Frankrijklei, 4.
15.00 h. Eventuale, ekzameno pri profesora kapableco (ĝis 17.30 h.).
16.00 h. Vizito (aŭtomobile) de delegitaro al la tombo de la Prezidinto Frans Schoofs.
17.00 h. Florumado de la monumento al la Milit-mortintoj, apud la Nacia Banko.
17.30 h. Laborkunsido en Witte Leeuw (ĝis la 19a).
19.00 h. La L.K.K. aranĝigos en apuda restoracio malmultekostan vespermanĝon, por tiuj kiuj deziros.
20.30 h. En salonego Châtelet : Kabared-vespero, sekvata de dancado ĝis la 24a horo.

**Dimanĉe.**

9.00 h. Diservo kun prediko en Esperanto.
9.45 h. Kunveno sur la Granda Placo, antaŭ la Urbdomo.
10.00 h. Oficiala akcepto de la urbestraro kaj vizito de la urbdomo.
11.00 h. Fotografado de la kongresanoj.
11.30 h. Solena kongresa kunsido.
13.00 h. Komuna tagmanĝo en restoracio « Roxy », Meirplaco. — Mallonga programo realigota de la infanaro esperantista.
15.00 h. Vizitoj en grupoj, laŭplaĉe al Zoologio, al Muzeo Plantin, al ĉefpreĝejo aŭ Torengebouw, sub la konduko de gvidantoj.
18.00 h. Festeno en « Century » Hotelo, Avenuo de Keyzer (Salono de la 12-a etaĝo).
21.00 h. Balo en la salonego de la Panoramo de « Century »-Hotelo. — Specialaj numeroj de la Bruĝaj grupanoj.

**Lunde.**

9.30 h. Kunveno ĉe la enirejo de la malgranda tunelo. Promenado tra la tunelo por piedirantoj, sub la Skeldo al la maldekstra bordo : « Sankta Anna » ; promeno laŭlonge de la Skeldo al la banejo.
10.45 h. Reveno per specialaj aŭtobusoj tra la granda tunelo por veturiloj ĝis la Centra Stacidomo.
11.15 h. Per speciala vagonaro al Lier.
11.45 h. Vizito de la vidindaĵoj, kiel Zimmertoren, beginejo, aŭ malnova preĝejo.
13.30 h. Tagmanĝo.
15.15 h. Per speciala vagonaro al Bouwel.
15.30 h. Promenado de Bouwel-stacio al la enŝipigejo, tra la arbaroj (½ h.) kaj laŭplaĉe kaf-trinkado en « Normandie ».
17.00 h. Enŝipiĝo, en Bouwel, sur speciale rizervita Wirtz-boato kaj reveno al Antverpeno laŭ Albert-Kanalo.
19.00 h. Per specialaj tramveturiloj de la Strasburga doko (Noorderlaan) ĝis « Witte Leeuw ».
19.15 h. Daŭrigo de la kunesto, kaj/aŭ depreno de la valizoj kaj disiĝo.

# Nia Kongreso en Antverpeno

## Bonvenon en Antverpeno !

Estas kutimo, ke ĉiujare, antaŭ la nacia Esperanto-Kongreso, oni donas kelkajn klarigojn pri la kongresurbo, kiu ne estas ĉiam tre bone konata.

Tio ja ne estas la fakto kun Antverpeno, unu el la plej konataj urboj el nia lando.

En ĉiuj lokoj, en ĉiuj medioj, oni scias ion pri Antverpeno, oni povas ion rakonti pri ĝi, kaj ĝia famo estas tiel granda, ke eĉ multaj fremduloj, neniam vidinte aliajn, belgajn urbojn, tamen vizitis Antverpenon.

Ni do ne insistos, klopodante konvinki la legantojn pri la belecoj de nia urbo; jam Victor Hugo prikantis ĝin kaj, post li, ĉiuj signifaj aŭtoroj.

Ni kontentiĝos, dirante al vi, elkoran bonvenon en Antverpeno. Tiuj samideanoj niaj, kiuj ne jam estis ĉe ni, povos admiri tion, kion ili plej ŝatas, ĉar tio estas la escepta faktoro : Antverpeno estas komerca urbo, Antverpeno estas industria urbo, ĝi estas centro de ĉiuj artoj. Krome de ĉio tio, ĝi ĉiam estis plej gastama urbo por la esperantistoj, kaj pruvis tion, okaze de la diversaj kongresoj, ĉu naciaj, ĉu internaciaj.

Al ĉiuj do, bonvenon en Antverpeno.

L.K.K.



Generala vidajo de la urbo.

**HONORAJ PREZIDANTECOJ.**

Krom la urbestro S-ro Huysmans, Prezidanto de la Ĉambro de Deputitoj, ankaŭ la provincestro, barono Georges Holvoet akceptis la Honoran Prezidantecon de la Kongreso.

---

**Ĉi kune ni sendas al ĉiuj aliĝilon, kiun ĉiu bonvolu poŝtrevene resendi al : 44, Avenuo De Bruyn, Wilrijck-Antverpeno, dum pagoj fariĝu al P.Ĉ.K. : 1119.10 de Belga Esperanto-Kongreso.**

---

**LISTO DE PARTOPRENONTOJ.**

149. S-ro Weissenborn, Antverpeno.
150. S-ino Landerwijn, Antverpeno.

**La nomojn de la sekvantaj membroj de la Kongreso ni enpresos en la numero de Majo, se la aliĝoj envenas ĝis plej laste la 25-a de Aprilo.**



La enirejo de la tunelo por piedirantoj.





# LITERATURO

## Beatris

El literatura vidpunkto la legendo de Beatris apartenas al la grupo de la religiaj rakontoj aŭ fabeloj.

BEATRIS, pri kiu manuskripto el la jaro 1374, troviĝas en la Reĝa Biblioteko en 's Gravenhage, kaj kies meznederlandan aŭtoron oni ne konas, estas nevelkebla, pura floro de simpleco kaj sincereco. Ĝi respegulas la grandan piecon mezepokan kaj precipe naivan kredon pri la povo de la Virgulino Mario.

RESUMO KAJ FRAGMENTO. Post tre kulpa foresto, dum dekkvar jaroj, de la monaĥinejo, kaj post longa, malfeliĉa migrado, la monaĥino Beatris alvenas kun siaj du infanoj en la domo de vidvino najbare de la monaĥinejo. Ŝi ekscias ke neniam oni tie aŭdis pri foriro de monaĥino, kaj jam dujofe anĝelo ŝin instigis resurmeti la vualon...

La trian nokton, dum maldormo,
Parolo dia ,en la formo
De anĝelvoĉ' en hela lum',
Aŭdiĝis : « Mi, por la plenum'
De l' volo de Mario estas
Denove tie ĉi. Vi restas,
Hezitas jam de longe tro.
Pri l' monaĥej' decidu do :
Tra malfermataj pordoj povos
Eniri vi kaj ankaŭ trovos
Vi vian pretan vestaĵaron,
Por vi metitan sur l'altaron. »
Ŝi diris post la malaper'
De l' luma voĉ' : « Al mi la ver'
Aperas, ĉar ne estas revo.
Do iri estas mia devo.
La lumo brilis tiel ke
Nun dubi plu mi povas ne.
La voĉon aŭdis mi de Dio
Per la anĝelo de Mario,
Kaj iros mi laŭ la decid'
De Dio nun en bona fid'.
Reiĝos mi la monaĥino.
Konsolos bona la Virino
Min, kaj por la infanoj mi
Alvokos Nian Patron. Li
Prizorgos bone ilin ĉiam. »
Demetis siajn vestojn tiam
Kaj sternis per patrina tuŝo
Nun ilin sur l'infanoj ŝi,
Kisante ambaŭ sur la buŝo,
Flustrante : « Infanetoj, vi
Nur restu sanaj. Mia iro
Okazas nur laŭ la deziro,
La volo de l' Sankta Virgulin'.
Forlasus vin ne la patrin',
Eĉ por la tuta riĉa Romo
Se estus ne pro l' dia Nomo. »

Tutsola nokte iras nun
Ŝi ĝis la monaĥejo kun
Ĉagreno granda. De l' eardeno
Ŝi vidis, ke por ŝia veno
La pordo estas malfermata.
Eniris ŝi, kuraĝigata.
« Mario, mi nun dankas Vin.
Ĉi tie Dio helpu min. »
Kaj kien ajn ŝi sin enŝovis
La pordojn malfermitaj trovis,
Do tiam, en la preĝejet',
Ŝi marŝis zorge, en kviet',
Dirante : « Dio, Vi, Sinjoro,
Mi Vin alvokas kun fervoro.
De Vi min helpu la bonec'
En la mantelo de piec',
De mi en malproksima jaro
Lasita for sur la altaro,
La nokton mem de la forir'. »

Min kredu, estas vera dir' :
Vualo, kufo, ŝuoparo
Troviĝas same ĉe l'altaro
Nun kiel ilin metis ŝi.
Sin vestis ŝi kaj diris : « Vi,
De la ĉielo Bona Dio,
Kaj Virgulino, Vi, Mario,
Vin tuŝu beno kaj ador'.
De l' virtoj Vi l' eterna flor',
Vi kiu portis sen doloro
Infanon. Dia la Sinjoro
Ĉiama restos Li por ni.
Virino elektita, Vi,
Ĉar kreis la infano Via
La teron, la ĉielon. Nia
Virino pura, nur de Di'
Eternajn povojn havas Vi.
Patrin' samtempe kaj filino
De Di'. Konsol' de l' pekulino
Eĉ kiu nur malfrue Vin
Alvokas, Vi pardonas ŝin.
Boneco Via estas tia
Ke mi nun povas esti pia,
Kaj de Vi estas la helpem'
Senfina kun la kompatem'
Kaj prave laŭdi mi Vin povas. »
La ŝlosilaron tiel trovas
Ŝi ĉe l'altaro de Mari'
Nun kiel ĝin alpendis ŝi.
La ŝlosilaron ŝi do prenis
Kaj en la sakristion venis,
En hela lum' de lampobrul'
De ĉiu sakristiangul'.
Kaj kiam libro kun la preĝoj
Troviĝis nun sur ĉiuj seĝoj,
Ŝi preĝis por ke l' Virgulin'
De la malbono gardu ŝin
Kaj por ke Sankta la Virino
L'infanojn vartu ĉe l' vidvino.
La tempo pasis kaj eksoni
Jam noktomezo aŭdis oni.
Ŝi iris tuj do sub la turo
Kaj tie tiris je la ŝnuro
Por la noktmeza sonorad'.
Do vekis ŝi de la dormad'
La monaĥinojn kaj nenio
En la kredanta kompanio
Aŭdiĝis pri l' okazintaĵ'.
Do sen riproĉ', sen malhelpaĵ',
Ŝi vivis kiel monaĥino.
Dum la forest', la Virgulino
Regule estis deĵorinta
Kaj kiel ŝi mem laborinta.

. . . . . . . . . . . . .

Poste, en la legendo sekvas la pardono de la pekulino kaj la akcepto de l' infanoj en religia societo.

Tradukis kaj komentariis Jules ALOFS

# La Gazetaro Parolas

Redaktas H.A.R.S.

**Esperanto en la Bibliotekoj.** — La urbaj bibliotekoj en Sheffield, kiuj posedas jam kelkcent esp. librojn, ne nur aĉetis novajn laste aperintajn librojn, sed aranĝis ankoraŭ en la ĉefbiblioteko specialan elmontron de esperantaj libroj. (Pola Esperantisto.)

**Esperanto en Aŭstrujo.** — La urbestraro de Vieno, ĉefurbo de Aŭstrio, per cirkulero dissendita en Oktobro 1936, alvokis la estrarojn de ĉiuj fakaj metiistaj lernejoj kaj la estraron de la ĝenerala metia pliperfektiga lernejo en Vieno, ke ili informu la lernantaron pri la ideo kaj celo de la lingvo Esperanto kaj instigu ĝin al partopreno en kursoj de tiu lingvo. (Laŭ Aŭstra Esperantisto.)

**Esperanto ĉe la tramistoj.** — Nia movado disvastiĝas sukcese inter la anglaj tramistoj. Antaŭ unu jaro ekzistis nur izolaj esperantistoj-tramistoj, sed nun estas Esp. grupo kun proksimume 200 anoj. La grupo vekis tiom da intereso, ke la nova ĉefdirektoro de tramoj petis la grupestron viziti lin por priparoli la eventualan oficialigon de la instruado de Esperanto. Jam nun la tramistoj ricevis permeson porti la verdan stelon, dum la deĵoro. (Pola Esperantisto.)

**Esperanto en Hispanujo.** — La gazeto « Popola Fronto », eldonata de Grupo Laborista Esperantista en Valencia, komunikas ke s-ro Julio Mangada, kiu kiel oficiro de hispana registara armeo komandis kolonon de milicanoj, estis sur la batalkampo elektita generalo. S-ro Mangada estas tre fervora esperantisto, kiu partoprenis en multaj Universalaj Esp. Kongresoj kaj malkaŝis ankaŭ konsiderindan literaturan talenton kiel verkinto de kelkaj originalaj verkoj en Esperanto. (Laŭ Popola Fronto.)

**Esperanto en la Italaj Sendstacioj** — La Ĝenerala Direkcio por Turismo, fako de la Itala Ministerio de Gazetaro kaj Propagando, elskribis konkurson inter radio-aŭskultantoj de «Italaj Turismaj Kronikoj» por la lingvoj franca, angla, germana, nederlanda kaj por Esperanto. (Esperanto.)

**Esperanto en Svisujo.** — La Svisa Nacia Turisma Oficejo, eldonis tre belan prospekton en Esperanto, titolitan « Svislando en la Neĝo ». La propagandobroŝuro enhavas diversajn informojn pri la konataj svisaj centroj de vintro-sporto. (The British Esperantist.)

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20.30-a h. (atentu la horŝanĝon).

Sabaton, la 3-an de Aprilo : Saŭrkraŭt-vespero en « Zenith », Frankrijklei, 50.

Sabaton, la 10-an : Parolado de S-ro Faes pri « Malnova Antverpeno ».

Sabaton ,la 17-an : Parolata ĵurnalo.

Sabaton, la 25-an : Kabared-vespero.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

**PROVIZORA KUNVENEJO: De nun ĝis la Belga kongreso, ĉiuj kunvenoj okazos en la salonego de la Kooperativa Soc. « EENDRACHT - UNION » enirejo kontraŭ la Aŭgustana Ponto. La dua parto de ĉiu kunveno estos dediĉata al lernado de Rondodanco, sub gvidado de Ges-roj de Vooght.**

Programo por la unuaj partoj de la kunvenoj dum Aprilo :

Mardon, la 6-an : Legado kaj klarigado de B. E. (Prez. S-ro Ch. Poupeye.)

Mardon, la 13-an : Kantvespero. (Gvidado: F-ino A. Boereboom; ĉe la piano: S-ino M. Van Roye.)

Dimanĉon, la 18-an, je la 16-a : intima grupa festeto por membroj kaj familianoj. Teatraĵeto « La Salujo ». Komuna posttagmeza manĝeto. Dancfesto.

Mardon, la 20-an : Dikto kaj ekzercoj. (Prez. F-ino Y. Thooris.)

Mardon, la 27-an : Priparolado de S-ro Julien Roose, « Komerco... kaj Komerco. » (Prez. S-ro H. Van Roye.)

N.B. — Dum ĉiu ordinara kunveno : instrua parto, klarigado de tekstoj, daŭrigo de la legado « Vivo de Zamenhof » ktp. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la SIDEJO. Bibliotekistoj : S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero. HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Potterierei, 1, Quai de la Poterie. (Helpa poŝtoficejo.)

BRUSELO. — **« Esperantista Bruselа Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

Lundon, la 5-an de Aprilo : ludvespero organizata de F-ino Kestens.

Lundon, 12-an : kantvespero, profesorino : S-ino E. Staes.

Lundon, 19-an : S-ro Dierckx senior parolados « Pri modernaj konstruaĵoj ».

Dimanĉon, 25-an : ceremonio sur la tombo de D-ro Vanderbiest.

Lundon, 26-an : Parolata ĵurnalo, eldonistino : S-ino Plyson.

GENTO — **Genta Grupo Esperantista.** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankto Petro n-ro 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ :

**ANTVERPENO.** — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Sabaton, la 27-an de Februaro, S-ro Kempeneers, prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, venis kun S-ino Kempeneers, por montri al la multnombre ĉeestantaj membroj, tre belajn filmojn, pri kelkaj okazintaĵoj de la Esperantovivo en Belgujo kaj pri la mirinda vojaĝo, kiun li faris al la Universala Kongreso kaj al Italujo.

S-ro Jaumotte prezentis kaj kore dankis la paroladiston, kiu akiris multan sukceson.

La Mezfasta Balo de la 6-a de Marto, por kiu la estraro petis specialan kostumon de servisto aŭ servistino, same bone sukcesis, kiel la Karnavalbalo.

Kaj la 13-an, por la dua fojo, la membroj kunvenis en « Zenith », por la monata komuna manĝo. Tiun ĉi fojon, temis pri « antaŭmanĝaĵoj ». Sur la bele preparitaj tabloj, ĉiuj trovis grandan aron de antaŭmanĝaĵoj, kiuj estis tiel bongustaj, ke eĉ tiuj, kiuj kun miro rigardis la kvanton, same miris kiam ĉio estis for !

**Ceremonio Frans Schoofs.** — Dimanĉon, la 14-an, antaŭtagmeze okazis en enterigejo « Schoonselhof », la ĉiujara ceremonio sur la tombo de la Prezidinto-Fondinto Frans Schoofs.

Multaj membroj salutis tie S-inon Schoofs, ŝian filon Leon kaj la aliajn familianojn. Inter ili estis S-ro Jaumotte, prezidanto de la Reĝa Grupo « La Verda Stelo » kaj ĝenerala Sekretario de Reĝa Belga Ligo Esperantista, kiu, ĉe lastmomenta malhelpo de S-ro Kempeneers, kiu matene telefonis, por senkulpiĝi, reprezentis ankaŭ nian nacian societon; S-ro Vermandere, admin.-prez. de « Belga Esperanto-Instituto »; S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario de IEL, kaj krome S-roj Boffejon, vicprezidanto, Faes, sekretario, F-ino Jacobs, S-roj De Hondt, Sielens kaj Vermuyten, geprofesoroj de la loka grupo.

S-ro Jaumotte, invitis ĉiujn grupiĝi ĉirkaŭ la tombo. Li tiam diris kiel, antaŭ kelkaj semajnoj, kiam, en la ĵurnaloj, aperis fotografaĵoj de nia Reĝo Alberto kaj pri la roko, de kiu li falis, li vole-nevole, ekpensis pri tiu alia gvidanto nia, kiu, preskaŭ same subite, mortis, apenaŭ kelkajn semajnojn poste, kiam kuŝis ankoraŭ, — ni diru malsekaj, — sur lia pupitro, la folioj de artikolo, kiun Frans Schoofs volis dediĉi en « Belga Esperantisto » al la alta protektinto de niaj Kongresoj.

Li salutis, por la tria fojo, nian pioniron, kies ekzemplo longtempe postvivos en la rangoj de « La Verda Stelo ».

S-ro Jaumotte demetis, nome de la grupo, belan garbon sur la tombon kaj klinis antaŭ ĝi.

Tiam sekvis la flordemeto de la infanoj kaj de la membroj de la grupo.

**BRUĜO.** — **« Bruĝa Grupo Esperantista », Reĝa Societo ».** — Dimanĉon, 13-an de Februaro, je la 10-a matene, F-ino Suzanne Vanden Berghe, pentrartistino, gvidis kelkajn grupanojn tra la urba pentrarta muzeo de Bruĝo, kie ŝi donis tre interesajn klarigojn pri la « Flandraj Primitivoj ».

La 15-an, F-ino Thooris gvidis lecionon de supera kurso por la novaj membroj. Post legado el « Vivo de Zamenhof », daŭrigita de F-ino M. Vanden Berghe, F-ino L. Meeuws parolis pri Stenografio kaj sukcesis interesi ĉiujn pri tiu utila arto.

La 20-an, okazis en « Muntpaleis » esperantista balo kun specialaj dancnumeroj kaj belaj kotilionoj. Ĉirkaŭ 500 personoj ĉeestis, inter kiuj samideanoj el Ostendo kaj Lichtervelde. La « Minueto Louis XV », dancata de Bruĝaj esperantistinoj, estis belega kaj rikoltis plej brilan sukceson. Jen vidinda numero por la Kongresa festo! Ankaŭ la tre simpatia juna samideanino F-ino Monique de Vooght plezurigis la ĉeestantojn per arta dancnumero. Plej sinceraj gratuloj estas ŝuldataj al Ges-roj




**La infanoj demetas florojn sur la tombon.**

de Vooght, kiuj ŝparis, nek tempon, nek penadojn por la sukceso de tiu brila balo.

La vespero de la 23-a estis speciale dediĉata al raporto kaj impresesprimoj pri la pasinta balo. Ĝenerala kontenteco esprimiĝis. Por fini, ĉiuj skribis kelkajn impresojn kaj la legado de tiuj redaktaĵetoj, farita de F-ino M. Vanden Berghe, donis plej diversajn kaj humorplenajn frazojn.

La 2-an de Marto premioj estis disdonataj al partoprenintoj de la redakta konkurso. Plej meritplenaj estis la verkoj de S-ro Lloyd, F-ino C. Williems, S-ro Groverman, F-ino Leibrandt S-ro Tanghe kaj S-ro Delcloo, menciinda estas ankaŭ la eksterkonkursa redaktaĵo de S-ro G. Groothaert. Ĉiu partopreninto legis sian verkaĵon laŭtvoĉe.

La 9-an de Marto, D-ro P. Kempeneers, Liga Prezidanto, kun S-ino Kempeneers vizitis la grupon. Li grandsukcese prezentis la filmojn, kiujn li kunmetis dum la kongresoj de La Louvière, kaj de Vieno, aŭ dum aliaj memorindaj okazintaĵoj. La belegaj vidaĵoj ve admiron kaj la revido, sur la ekrano, de konataj samideanoj grande plezurigis la ĉeestantojn, tiom pli, ke multaj havis tiel la maloftan okazon kontroli siajn proprajn movojn. Danka aplaŭdado salutis la finon de ĉiu filmo. Konklude, D-ro Kempeneers faris alvokon por multopa ĉeestado de nia Belga Kongreso en Antverpeno, kie nova interesa filmo povos esti farata. F-ino Y. Thooris, prezidantino, dankis la Ligan Prezidanton, pro lia afabla vizito kaj interesplena filmprezentado, dum S-ro Ch. Poupeye, Vicprezidanto, donacis florojn al S-ino Kempeneers, kiel esprimo de la dankaj sentoj de la grupanoj.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo. —** La 15-an de Februaro, S-ino Elly Staes faris kantlecionon. Oni kantis la bone konatan arion « En Wolfgang apud la lagobord' ».

La 2-an, okazis la lasta kunsido en la salono « Le Sac », kiun, post multaj jaroj, la grupo forlasas por la Hotelo « Albert I ».

La parolata ĵurnalo, sub la direkto de S-ino Plyson, bonege sukcesis, dank'al la kunlaboro de S-ino Jocobssohn, S-ro Dierckx, F-ino Dierckx, S-ro Dyserinck, F-ino Kestens kaj F-ino Obozinsky.

La 1-an de Marto, okazis kinematografa prezentado. S-ro Kempeneers montris, ankaŭ en tiu ĉi grupo la filmojn, kiujn li kelkajn tagojn antaŭe montris en la Antverpena grupo.

La 8-an de Marto, F-ino Obozinsky paroladis pri vojaĝo, kiun ŝi faris al Svisujo. Ŝi, pri la diversaj urboj kaj pejzaĝoj, rakontis plej interesajn detalojn folklorajn aŭ historiajn kaj fine montris belegan serion de fotografaĵoj, kiuj helpis ankoraŭ pli klare voki antaŭ ĉies okuloj, la belan landon pri kiu temis.

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista. —** Dum la ĉiumonataj kunsidoj de Februaro kaj Marto oni aplaŭdis vigle du belajn paroladojn de S-ino De Rijcke, pri la mahometanaj virinoj, kaj pri ilia elservutiĝo. La grupanoj ĝuis agrablajn horojn en la gastema hejmo de la parolintino.

Dum la ĉiusemajnaj kunvenoj, kiel kutime, la membroj subtenadis kaj plibonigis sian lertecon en la uzo de la lingvo, per humoraĵaj rakontoj, gramatikaj klarigoj pri tiuj rakontoj, parolata gazeto, esperantaj kantoj kaj vortludoj.

La unuagradaj lernintoj pasis al duagradaj lecionoj, kaj nova kurso unuagrada malfermiĝis.

La grupanoj ricevas ĉiumonate bultenon en kiu estas la programoj de la estontaj kunsidoj. Tiu bulteno estas ankaŭ uzata por konkursoj, humoraĵoj aŭ aliaj, inter la membraro. Ĝi nun enhavas nacilingvan tekston propagandan.

# Mirinda Eltrovo

El Londono oni sciigis ke du Angloj eltrovis la rimedon por anstataŭi la presadon kun metalaj literoj per alia metodo kiu forigus la literkestetojn kaj la linotipojn

Tiuj Angloj trovis fotografajn rulfilmojn kiuj donas la literojn, ciferojn, legsignojn kc. kaj anstataŭas la respondantajn tipojn. La eltrovaĵo tute renversus la nunan presmanieron. La presejoj povus esti tre malvastaj kaj la kostoj multe pli malaltaj.

La nova sistemo pensigas je la skribmaŝino. Priagata per la telefono kun-aŭ-sen-fadena, kaj ekz. ekfunkciata en Londono, la aparato kapablus produkti tekstojn samtempe en Parizo kaj en Edinburgo.

El la du eltrovintoj, unu, Aŭgusto, estas inĝeniero kaj posedas jam 14 eltrovatestojn, kaj la alia, Hunter, lia bofrato, estas ekspertizisto je preskaj fotografarto. Ili faris provon per la nova aparato antaŭ redaktoro de « Morning Post ».

La ordinara kompostisto estus anstataŭata de foto-kompostisto; la nuna presmaterialo eks-uziĝus kaj milionoj estus ŝparataj en la presprofesio. Libroj kaj gazetoj fariĝus pli malmultekostaj, pli belaj, pli klaraj. La eltrovintoj esperas ke ilia maŝino estas surmerkatigota je Kristnasko proksima. Post kelkaj jaroj ĉiuj ĵurnaloj uzos la sistemon. Atendante oni povas ekuzi ĝin por la libroj kaj la revuoj. Sepdek ŝirmatestoj en Anglujo kaj en eksterlando ŝirmas la novan eltrovaĵon

Aliparte ŝajnas ke la principo de la nova eltrovaĵo ne estas nova, ĉar antaŭ jaroj « Le Petit Bleu », publikigis unu el siaj paĝoj per simila procedo, asertante ke en okazo de striko de la presaj laboristoj, la gazeto tamen povus aperi dank' al la « nova procedo ». Tiu paĝo aspektis kvazaŭ presita per skribmaŝino.

Tradukita el « Gazette van Gent »
kaj aranĝita de
L. COGEN.

# Eltrovo neniigita

Estas fakto ke eltrovaĵo, eĉ ekstreme utila, estas malofte akceptata kun la ĝojo kaj la dankemo kiujn ĝi meritus. Ĝi ĝenas multajn personojn : ĉiujn fabrikistojn kaj vendistojn de artikloj al kiuj ĝia ekesto perdigas tuj ilian preskaŭ plenan valoron. Ĝi kunportas konfuzigojn ekonomiajn kun neantaŭvideblaj sekvoj ; unuvorte, la homo kiu opiniis utili al la homaro, spertas kun malĝojo ke li fariĝis « la malamiko de l' popolo » kiel amare tion konstatis Ibsen.

Gravaj eltrovistoj konis persekutadon. Sauvage kaj Fulton estas nemorteblaj ekzemploj. Sed dum la antikva epoko, estis multe pli danĝere krei, elpensi. Nuntempe oni multe serĉas la formulon de l' fleksebla vitro. Se oni devas kredi historiiston Dion Cassius, tiu formulo estis trovata dum la regado de Tiberio. La eltrovinto fiere aperis antaŭ la imperiestro, portante pokalon el vitro nerompebla kaj fleksebla en tia grado ke, ĵetita teren kaj diversmaniere krude priagata, la glasego estis nur malebenigita, post kio kelkaj fortaj martelbatoj de l' fabrikinto tuj redonis al ĝi ĝian unuan formon.

Tiberio admiris eble tiun lertecon, sed, viro praktika, li ekvidis tuj la valorperdon grandegan kiun, pro la nova eltrovaĵo, suferus la ora kaj arĝenta teler-kaj-vaz-aro.

— Ĉu iu konas cian sekreton ? li demandis.

— Neniu ĝin konas krom mi, la viro respondis malhumile.

Kaj ni imagu kiaj devis esti lia miro kaj indigno kiam la imperiestro, kvietiĝinta, ordonis ke li estu senprokraste mortigata !

Tradukita el « La Flandre Libérale »
de L. COGEN.

## FAMILIA KRONIKO

### GRATULOJ.

— Al S-ro Jules GINSBURG, membro de «La Verda Stelo », kiu la 14-an de Marto edziĝis, kun f-ino Ida LÖWY.

— Al S-ro Advokato Robert GROVERMAN, dumviva membro de la Bruĝa Grupo, pro la naskiĝo de lia baptofileto : Jean-Baptiste-Robert Groverman (27-2-37).

— Al Ges-roj Charles POUPEYE, vicprezidanto kaj membrino de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de fileto : Marcel (6-3-37), plie al lia aminda baptopatrino F-ino Alice Boereboom, komitatanino, kaj fine al liaj gefratoj Karlo kaj Yvonne, junaj membroj de la grupo.

— Al F-ino Monique DE VOOGHT, membrino kaj filino de gemembroj de la Bruĝa Grupo, okaze de ŝia Solena Komuniiĝo (14-3-37).

— Al G-roj Robert VRIELINCK-STROOBANDT, gemembroj de la Bruĝa Grupo, pro la naskiĝo de filineto Simonne (19-3-37).

### KODOLENCOJ.

— Al F-ino Denise DE CORTE, membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ŝia patro : S-ro J. F. De Corte (22-2-37).

# Internacia Esperanto-Ligo

## Oficiala Informilo

**N-ro 23. 11-an de Marto, 1937.**

### Universalaj Kongresoj.

En la organo de UEA de 25.2.1937, s-ro Jakob publikigis artikolon pri la Varsovia Kongreso, kiu estas klara incito kontraŭ IEL. Ni opinias, ke s-ro Jakob per la publikigo de tia artikolo faris malbonan servon al la Varsovia L.K.K. kaj al la Jubilea Kongreso mem.

Unue, per tiu artikolo, li malkovris publike — kio ĝis nun estis konata nur de malgranda rondo — ke li superruzis la L.K.K.-on doni ĝian subskribon al dokumento kiu laŭdire estas « interkonsento » kun la provizora komitato de U.E.A. (kvankam Pola Esperanto-Delegitaro tiutempe jam aliĝis al IEL) sed kiu laŭsence estas klare direktita kontraŭ IEL.

Krome, en tiu artikolo s-ro Jakob jam anticipas decidon, kiun laŭ la nunaj cirkonstancoj povos preni nur la gvidantoj de IEL rilate al la Universala Kongreso en 1938.

La Estraro de IEL kunvenos je Pasko kaj tuj poste ni presigos informon pri tiuj ĉi aferoj, kiu, ni esperas, kontentigos ĉiun membron de IEL.

—

**N-ro 24 18-a de Marto, 1937.**

### Jubilea Kongreso

Post voĉdonado de la aliĝintaj Landaj Asocioj, la sekvanta Interkonsento inter IEL kaj la LKK en Varsovio estas akceptita :

« Dezirante, ke Jubilea Kongreso en Varsovio estu plej sukcesa, LKK de la 29-a Universala Kongreso de Esperanto kaj la Provizora Komitato de Internacia Esperanto-Ligo, ambaŭ penetritaj de arda deziro ebligi al ĉiuj Esperantistoj partoprenon en la Jubilea Festo de Esperanto en la lando kie naskiĝis la Majstro kaj lia genia verko, interkonsentas jene:

1. LKK organizas la Jubilean Kongreson sendepende de iu ajn, sin turnante rekte al la samideanoj de la tuta mondo.
2. Tiucele la LKK varme petas kaj esperas aktivan kunlaboron de ĉiuj landaj organizaĵoj esperantistaj por organizi kaj sukcesigi la Kongreson. Iliaj reprezentantoj konsistigos Internacian Porkongresan Komitaton, kun kiu LKK interkonsilos en programaferoj.
3. LKK ne organizas mem laborkunsidojn. Ili estos organizitaj aparte de IEL kaj UEA. »

IEL nun starigas la Internacian Porkongresan Komitaton menciitan en paragrafo 2 de la Interkonsento, kaj faros ĉion eblan por sukcesigi la Jubilean Kongreson. Ĝi esperas, ke ĝiaj membroj multnombre ĉeestos.

### La Jarlibro 1937.

La jarlibro 1937 ĵus aperis kaj estos baldaŭ dissendata al ĉiuj pagintoj. Ĝi estas pli amplekso al la eldonoj de la universala asocio de la pasintaj jaroj.

Kelkaj nomoj staras en ĝi de personoj kiuj ensendis sian adreson sed ne jam pagis. Ke ili bonvolu tuj ordigi la aferon.

# LA VOJAĜO SCHERER

Je la 1-a de aprilo la ŝipo de la *United States Lines* « ss. President Roosevelt » ekvojaĝos de Le Hâvre, Francujo, kaj forportos s-ron Scherer hejmen al Usono.

Li forlasis Nov-Jorkon je la 21-a de julio 1936, por ree paroladi en serio da eŭropaj landoj. Li alvenis en Hamburg je la 1-a de aŭgusto, iom restadis en la de li multe ŝatata Praha, ĉeestis la 28-an Universalan Esperanto-Kongreson en Wien, kiel reprezentanto de la usona registaro, kiel komitatano de UEA kaj kiel prezidanto de la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko. Post la Wien'a kongreso li laboris dum unu monato en « nigra ĉambro » en Bellinzona, Svislando, por prepari du novajn paroladojn « Tra Usono kun ruliĝanta hejmo » kaj « Romantika Hollywood ». Ili poste montriĝis treege popularaj kaj sukcesaj paroladoj en ĉiuj landoj de Eŭropo, kie s-ro Scherer vojaĝis...

S-ro Scherer poste vojaĝis en Svedujo, Norvegujo, Danujo, Nederlando, Belgujo, Francujo, Luksemburgo, Svislando, tra Germanujo, Ĉeĥoslovakujo, Aŭstrujo, tra Liĥtenstejno, denove Svislando, denove Nederlando.

# Bibligrafio

**OK MODERNAJ LINGVOJ.** — Metodo facila kaj praktika, por lerni ok lingvojn, sen profesoro. Aŭtoro: D-ro Eugène Samsonovici. Formato: 28×21,5 cm.; 426 paĝoj. Prezo : 60 bfr. + sendkostoj. Havebla ĉe S-ro H. Sielens, 145, Kroonstraat, Borgerhout-Antverpeno.

Instrui lingvon estas nediskuteble malfacila tasko. Instrui plurajn fremdajn lingvojn, estas des pli malfacila.

En sia grandega kaj tre valora verko « Huit langues modernes », doktoro E. Samsonovici brile solvis la problemon pri la unuformeco en la metoda instruado de diversaj lingvoj, sen profesoro.

La verko kiun ni havas sub la okuloj vere devigas nin esti plenadmiraj je la ekvido de tia impona laboraĵo.

La libro enhavas la gramatikajn regulojn, temojn, konversaciojn, kaj kolekton interesan de ĉiutagaĵoj en la lingvoj franca, nederlanda, angla, germana, itala, hispana, rumana kaj en Esperanto.

La libro do ebligas al ĝiaj legantoj, kiuj konas unu el la ok supre cititaj lingvoj, studi hejme, la sep ceterajn.

La kunlaborinto por la esperanta parto estis nia kolego, sinjoro Henri Sielens el Antverpeno, kaj tiu detalo jam sufiĉe garantias la verkon rilate al nia lingvo.

Ni volas rimarkigi ke ni trovis plurajn preseraretojn, sed tio estas io plene komprenebla ĉe tiaspeca libro.

Ni konfesas ke la prezo estas tre malalta kiam oni konsideras la gigantan enhavon, la abundan materialon, kaj ni plenfide rekomendas la aĉeton de la libro « Ok modernaj lingvoj » al ĉiuj esperantistoj.



**XIIa SOMERA UNIVERSITATO.** — Konferenco de Instruistoj kaj Konferenco de Virinoj, dum la XXVIIIa Universala Kongreso de Esperanto, en Vieno, 1937.

Tiu ĉi libreto per kiu la LKK klopodas varbi kiom eble plej multe da samideanoj, por la Universala Kongreso, estas vere zorge eldonita.

Ĝi enhavas, de la mano de konataj esperantistoj, diversajn interesajn klarigojn pri la aplikoj de Esperanto kaj ĝia nunmomenta stato.

La libreto kiu enhavas 64 paĝojn kaj estas tre havinda, kostas 5 internaciajn respondkuponojn + sendkostojn.





**Estraro de "Belga Ligo Esperantista".**

Prezidanto: D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

Vicprezidanto: S-ro Léon Cogen, 52, Dreef, Ninove.

Vicprezidantino: F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat—Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

Ĝenerala Sekretario-Kasisto: S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

*Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj :*
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (Wilrijck-Antverpeno).

*Por pagoj al I. E. L. :*
provizore al la privata P.Ĉ.K 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.

*Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :*
P.Ĉ.K. 1689.58, Anverpeno (Willemsstrato, 21)



INTERNACIA ESPERANTO-LIGO
KOTIZOJ 1937

| | | | |
|---|---|---|---|
| MAH | Fr. **130.00** | MS | Fr. **200.00** |
| MJ | Fr. **22.00** | MA | Fr. **50.00** |
| Patrono | Fr. **750.00** | | |

MEMBRO KUN JARLIBRO (MJ) ricevas membrokarton, servokuponaron, kaj la Jarlibron.

MEMBRO-ABONANTO (MA) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton dum la jaro.

MEMBRO-ABONANTO-HEROLDO (MAH) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la semajnan gazeton « Heroldo de Esperanto » dum la jaro.

MEMBRO-SUBTENANTO (MS) ricevas membrokarton, servokuponaron, la Jarlibron, kaj la monatan oficialan gazeton ; krom tio li rajtas ricevi premion.

**Noto:** la oficialaj gazetoj estas *Esperanto Internacia* monate, kaj *Heroldo de Esperanto* semajne

***Pagu vian kotizon al:***
Via grupo aŭ al R. B. L. E. kune kun la kotizo, kiu por la Ligo estas Fr. 30,—.
Leterojn direktu al la Teritoria Sekretario S-ro Van den Bossche, Willemsstr., 21, Antverpeno.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.